ESPERANTO EN AFRIKO
Bulteno de la Afrika Komisiono de UEA
Numero 20 (2013: 2)

*Karaj gelegantoj,*

*La somero ne nur estas periodo de feriado en fora ekzotika lando por multaj ekster-afrikaj esperantistoj, sed ankaŭ eventoriĉa pro UK. Ankaŭ en Afriko sin anoncas gravaj eventoj kiel tutkontinenta kongreso en Benino, landaj kaj lokaj renkontiĝoj. Tiu ĉi numero prezentos artikolojn pri preparoj de tiaj eventoj kaj raportojn pri lokaj okazintaĵoj tra Afriko. Aparta rubriko estas rezervita por landaj asocioj aŭ kluboj kiuj ricevis subvencion de UEA por la jaro 2013. Agrablan legadon al vi.*

*La redaktoro*

***

## LA KVINA AFRIKA KONGRESO: PLIAJ HELPOJ NECESAS

Informoj pri preparo de la tutkontinenta kongreso en Afriko estas legeblaj ĉe la retpaĝo de la Afrika Komisiono de UEA (AK) je la jena adreso: http://www.esperanto-afriko.org/afrikakongreso2013.htm. Helpoj ĉiuspecaj daŭre necesas por igi la eventon sukcesoplena. Ili estas bonvenaj ĉe UEA kun indiko "afrika kongreso".

## KIA ESTONTECO POR LA AFRIKA MOVADO SEN SUBVENCIO?

Denove atingis Afrikan Oficejon de UEA multaj petoj de subvencio por la jaro 2013. Bedaŭrinde AO ne povis kontentigi ĉiujn petintojn pro enhavo de la poto, kiu pli kaj pli malkreskas, dum bezono pli kaj pli kreskas. Disponiĝis entute cirkaŭ 1700 eŭroj kiel subvencio al kluboj kaj asocioj por la tuta Afriko. Finfine tiu sumo estis disdonita al asocioj kiuj prezentis kontentigajn raportojn: inter ili estas tiuj de Benino, Togolando, Burundo, Kongolando, Ganao, Senegalio, Madagaskaro, kaj kelkaj kluboj en landoj kie ankoraŭ ne estas landaj asocioj, kiel Burkino kaj Ugando. Indiko aktuala el la kaso de la Fondaĵo Afriko konfirmas malkreskon de la subvencio por la jaro 2014. Debato ekis ene de AK por decidi pri strategioj taŭgaj por trovi alternativajn fontojn por igi la movadon en Afriko sukcesoplena kun eventuala malkresko de helpo el ekster Afriko. Burundo havas kelkajn spertojn pri la afero, kaj aliaj landaj asocioj certe kopios la modelon, se ĝi intertempe sukcesos. Iom urĝas ke kluboj kaj asocioj en Afriko ekpensu pri financa sendependiĝo. Estas klare ke ne plu abundos helpoj al Afriko pro tute simpla kialo: Afriko ne plu estas la sola kontinento kiu atendas helpon el la okcidenta mondo. Se la nombro de okcidentaj esperantistoj

kiuj malavare kontribuas al la movado ne kreskas, tre certe ankaŭ la helpo malkreskos. Pro tio gravas ke kluboj unue entreprenu ion kio produktas rimedon por ties interna funkciado, kaj due bone uzu la helpon por la celo por kiu la helpo estis sendita. Tiel mecenatoj estos kuraĝigitaj daŭre donaci.



Kiel klubo povu enspezigi rimedon sen subvencio de UEA? Bela ekzemplo povus esti tiu de Tanzanio, kie esperantistoj produktas artaĵojn vendeblajn. Profito de io tia povus kontribui al realigo de projektoj de la klubo, kies membroj la esperantistoj estas. Malfacile tamen estas trovi homojn por aĉeti tiajn artaĵojn. Skulptaĵoj, pentraĵoj ktp estas aferoj facile troveblaj en preskaŭ ĉiuj afrikaj urboj. Sed, por ke tia projekto estu sukcesoplena, necesas unue ke la klubo havu tute klaran regulon pri uzo de profito, kiun ties membroj devu respekti.

Alia ideo diskutita sine de AK estis trovi alian efikan celon por la subvencio destinita al landaj asocioj. La demando estis: ĉu daŭre disdoni la subvencion al landaj asocioj? Rimarkeblas, ke sen tiu subvencio kelkaj kluboj, eĉ landaj asocioj verŝajne ne plu ekzistos. La interŝanĝo pri la temo ankoraŭ daŭras, kaj informoj pri fina decido disponiĝos. Intertempe, ĉiuj proponoj efikoriĉaj estas bonvenaj. Oni bonvolu sendi ilin al afrika.oficejo@gmail.com.

*Jean Codjo (vickunordiganto de AK)*

## AGADO TRA AFRIKO

- **Kongolando: raporto de DKEA**

Demokratia Kongolanda Esperanto-Asocio (DKEA) kutime organizas jarkunvenon kaj ĝeneralan asembleon aparte. Sed pro la situacio de la lando, la komitato preferis fini la klopodojn pri la jura personeco de la asocio (vidu sube) kaj poste okazigi la du supre menciitajn eventojn samtempe.

La sidejo de DKEA lokiĝas sur Yolo-strato numero 21, komunumo de Ngiri Ngiri, Kinŝaso. Por kviete kaj trankvile agadi kaj por bona administrado, la komitato de DKEA taksis nepra, ke la loka movado havu juran personecon. En postmilita lando kiel le nia, landskala organizaĵo sen jura personeco estas malbone rigardata de la ŝtato. La klopodoj ĉe la ministerio pri justico pri tiu valora dokumento estas preskaŭ je la fino. Plie, la ministerioj pri edukado kaj pri kulturo petis ke DKEA havigu al ili dokumentojn pri aŭ rilate al Esperanto. Pro la vasteco de la lando, estis decidite ke estu kreita ligo en ĉiu provinco por bona funkciado de la movado. Tiuj ligoj dependos de la landa asocio, do ili havos la devon raporti al DKEA. Ilia ĉefa rolo estos regule kunordigi la lokajn klubojn kaj konstante akompani ilin en iliaj agadoj. Por Kinŝaso la komitato de la ligo jam estis elektita: prezidanto, Yaba Luntadila; sekretario, Malongi Mambote; kasistino, Mputu Leonie. La aliaj provincoj elektos siajn ligajn komitatojn post nelonga tempo.

Entute sep kluboj en Kinŝaso estas aktivaj: Bbi-Klubo, Cadpes-Klubo, Ker-Klubo, Flam-Klubo, UPN-Klubo kaj Lena-Klubo. En Bas-Congo estas La Stelaro; en Lukala, Verda Flago; kaj en Mbanza Ngungu, Matadia Esperanto-Asocio kaj Moanda Esperanto-Klubo. Pro la milita situacio, la komitato ne estas en kontakto kun la kluboj kiuj estas en la orienta parto de la lando. Aŭspice de la komitato,okazadas diversaj aktivecoj en la sidejo de DKEA en Kinŝaso: vizitoj inter la Kinŝasaj kluboj, kunvenoj kaj kunsidoj, kaj konversaciaj rondoj kaj debatoj inter la kluboj.

Okazis kunvenoj de la junulara sekcio Demokratia Kongolanda Esperantista Junulara Organizo (DKEJO). La junularo konsistigas la plej grandan parton de la agemaj membroj de la movado, kaj tial la komitato de DKEA kun granda atento akompanas la junularan sekcion en ĝia funciado. En la pedagogia universitato UPN, DKEJO regule organizas kursojn por komencantoj kaj ties gvidantoj varbas en la studenta medio. La prezidanto de DKEJO, Eddy Onan, plendas ke la junuloj ne pagas la kotizojn por sia asocio; tial li turnas sin al mecenatoj kaj aliaj instancoj por eventuala financa aŭ material subteno.

La Esperanto-elsendo *Esperanto en marche* de la nacia komunikreto RTNC pli kaj pli progresas, kaj la nombro de ĝia aŭdantaro grandiĝas. La loka movado havas grandan avantaĝon aŭdigi Esperanto-elsendon tra la ondoj de la nacia radio (FM 100MHZ) ĉiusabate ekde la 22-a ĝis la 23-a horo. La ĉefredaktoro, Paul Mazangu, klopodas plibonigi la funkciadon de la elsendo. Multaj geaŭskultantoj reagas pozitive pri ĝi. En la estonteco, estas planate organizi televidan elsendon. La RTNC-aŭtoritatuloj jam donis permeson por tio, sekve de kio nun okazas klopodoj por akiri materialojn kiel kamerao kaj lumprojekcilo, ĉar necesas pretigi la programojn de antaŭue pro tio ke la televidaj elsendoj ne estos rektaj.

La muzika grupo Konga Espero pli kaj pli bone fartas kaj laŭiras sian vojon. Ĝi antaŭ nelonge enregistris videoklipojn kiuj vendiĝas en la sidejo de DKEA kontraŭ dek usonaj dolaroj. Cetere la grupo koncertos en granda evento organizota de Unesko en Kinŝaso.

Post multaj vizitoj kaj debatoj, Unesko finfine konsentis denove kunlabori kun DKEA. Evaristre Munuku Wa Mulongo, la kultura konsilanto de DKEA, pritraktas la aferon. La kunlaboro kun Unesko anoncas sin promesplena kaj fruktdona.

Konklude, DKEA estas nun la oficiala landa asocio en Kongo DR. Ĝi estas registrita sub la numero JUST/SG/20/1003/2011/FR9416039, kaj la notaria akto-numero estas 032/2011.

*Arlain Kizeyidioko (ĝenerala sekretario de DKEA)*

- **Benino: preparo de landa kongreso**

Dimanĉe la 19-an de majo 2013 la Loka Kongresa Komitato de la 3-a Benina Kongreso de Esperanto (TRIBEK) kunsidis en Lokossa ĉe la domo de ties prezidanto. En tiu unua kunveno, kiu komenciĝis ĉirkaŭ la 10-a kaj duono matene, partoprenis kvar el la kvin membroj de la komitato.

Je la komenco, la prezidanto bonvenigis la LKK-anojn kaj prezentis la tagordon:

1. amendo de la programo de la 3-a Benina Kongreso de Esperanto;
2. difino de partoprenkondiĉoj;
3. eventuala pritrakto de la kongresa buĝeto;
4. ceteraĵoj.

Post aprobo de la proponita tagordo, la prezidanto distribuis al la ĉeestantoj labormaterialojn konsistantajn el programo, buĝeto kaj ĝeneralaj informoj rilate la kongreson. Ĉe la unua punkto de la tagordo, la partoprenantoj, finleginte la programon proponitan de s-ro Latifou, unu post la alia konigis sian opinion kaj faris proponojn por amendi la programon. Ĉe la dua punkto, kvar kategorioj de partoprenantoj kun respektivaj kongreskotizoj estis difinitaj.

Membroj de ABeE estas aktivuloj de kluboj aliĝintaj al la landa asocio. Estas decidite, ke ĉiu aktiva klubo elektos specifitan nombron da anoj kies vojaĝkosto (iro kaj reveno) estos prizorgita per la subvencio de UEA: 5 por Monda Familio (Azovè) kaj Sankta Harmonio (Ayahohoué),

4 por Nova Sento (Hondjin), Egaleco (Koĝi), kaj Renaskiĝo (Koĝi), 2 por Cotonou, kaj 1 por Zogbodomè, Glazoué kaj Natitingou, do 27 sume. La nombroj inkluzivas kelkajn respondeculojn kaj gravulojn. Eblas partoprenigi pliajn klubanojn, sed ili devas pagi kongreskotizon kaj prizorgi siajn transportkostojn.

Ĉe la tria punkto, pritrakto de la buĝeto, nur du ĉefaj flankoj, transporto kaj loĝado, estas atentataj. Surbaze de la 27 subvenciotaj partoprenontoj, la LKK-anoj kalkulis prognoze la loĝkostojn (196 500 CFA-frankoj) kaj la vojaĝkostojn (177 000 frankoj). La sumo estas: 373 500 frankoj (575 eŭroj). Konstato estas, ke la sumo ja estas alta. Fakte la kaŭzo ĉefa kuŝas tie, ke nuntempe la prezo de benzino plialtiĝis kaj sekve la transportkosto preskaŭ duobliĝis. Tial, ĉio multekostas enlande inkluzive de manĝoj. Al la 27 cetere aldoniĝas tri ekzamenantoj invitotaj el Togolando kadre de la Internacia Ekzameno de ILEI/UEA, enŝovita en la kongresa programo.

Rilate la manĝadon, la ĉeestantoj rezignis pri dungo de porpagaj kuiristinoj, kaj diversaj strategioj estas planataj por malaltigi la kostojn sur tiu kampo. Diversaj aliaj buĝetotaj kostoj (funkciado de LKK, fotokopiado ktp) estos serioze pritraktitaj en la onta kunveno de LKK.

La aranĝo okazos en ŝtata porvirina liceo kun neluksaj ĉambroj. Ankaŭ, la manĝado en la kongreso konsistos nur el afrikaj pladoj, ĉefe beninaj. Tamen, eblas proprakoste loĝi en hotelo kaj mendi eŭropajn manĝojn, se dezirate.

Ĉe la vido de la nuna situacio de la kongresa buĝeto, la membroj de la komitato opiniis, ke necesas trovi aliajn monfontojn por povi kovri ĉiujn elspezojn. Tiucele, la subteno de ILEI estas ege atendata. Krome, la membroj de LKK esperas, ke Renato Corsetti helpos dissendi larĝskale reviziitan alvokon por monkolekto. Notindas, ke la diversaj kostoj kaj la nombro de partoprenantoj kiujn tiu ĉi raporto entenas estas provizoraj, laŭ nunaj antaŭkalkuloj. Nenio garantias ke ili restos samaj ĝis la okazigo de la aranĝo. Ĉe la ceteraĵoj ĉiuj ĉeestantaj membroj opiniis, ke UEA disponigu la promesitan subvencion al LKK, samkiel la subvencio de UEA al ABeE en la jaro 2013.

La kunveno finiĝis ĉirkaŭ la 15h30 kaj la partoprenantoj disiĝis. Apartan dankon meritas Michel Tchoumé kaj Méchak Ezin, kiuj respektive forlasis Cotonou (115 kilometrojn for de Lokossa) kaj Glazoué (pli ol 150 kilometrojn for de Lokossa) jam sabaton nokte spitante la pluvon. S-ro Ezin tranoktis ĉe la Afrika Oficejo.

*Latifou Gbadamassi*

- **Togolando: promesplena kurso**




Itala esperantistino Paola B. Giommoni kaj lokaj esperantistoj plenumis la celojn pri informado kaj instruado en Lomeo, la ĉefurbo de Togolando. Inter la 15-a de marto ĝis la 5-a de aprilo 2013, ni informis kaj disponigis kursojn al togolandanoj kaj ankaŭ al eksterlandanoj pri Esperanto. La 21-an de marto ni partoprenis en okminuta televida programo pri Esperanto. La programo en la franca lingvo estas spektebla ĉe http://www.youtube.com/watch?v=D5LhPXUkXNg&feature=youtu.be. Tiu ĉi programo *Midi Délices* estas programo ŝatata de pli ol unu miliono da enlandaj televidanoj ĉe la ŝtata telekanalo TVT. Tujaj rezultoj: favoraj eĥoj pri Esperanto flanke de multaj spektintoj, kiuj sendis poŝtelefone mesaĝetojn al ni. Krome, ses personoj, el kiuj du estas landanoj de Kongo DR, varbiĝis por la kurso por tutkomencantoj.

Tiu ĉi kurso por komencantoj okazis de la 25-a ĝis la 30-a de marto en la publika liceo Tokoin II. Averaĝe 26 kursanoj el kiuj estis unu kongolandano, du niĝerianoj kaj dudek tri togolandanoj studis la materialon *Metodo 11* po kvar horojn ĉiumatene, ĉefe sub la gvido de Paola. La plimulto de la kursanoj estas gestudentoj en la universitato de Lomeo. Preskaŭ samperiode, t.e de la 21-a ĝis la 26-a de marto, po du horojn posttagmeze, okazis kurso por progresantoj en la ĝardeno de la domo Baobabo. Entute deko da geesperantistoj individue trejniĝis per la libro *Gerda malaperis*, precipe pri teksto-legado kaj Esperanto-kulturo, interalie per rolludoj.

La kursanoj de ambaŭ niveloj kontentige reagis al la lernataĵoj. Tiel ĉiuj planitaj materialoj estis traktitaj. La gelernantoj de la unua nivelo estis aparte ĝentilaj, entuziasmaj, kaj tiel diligentaj ke ĉe la fino de la kurso multaj el ili povis jam diskuteti en Esperanto. La salutĉeesto de svislandano Christian Darbellay kaj ĉino Zhu Minghe ĉe la kurskomenco aparte donis tre pozitivajn impresojn al la lernantoj. Multaj surpriziĝis malkovri ke Esperanto estas uzata inter anoj de malsamaj landoj. Dumsemajne ili entuziasme starigis demandojn, inter kiuj forestis la kutime skeptikaj kiel “Kiuj parolas Esperanton?” kaj “De kiu lando estas tiu lingvo?”. Ĝuste tiu pozitiva impreso estis valora aldono al la kurso.




Fine, por kompletigi la sukceson de la agadoj kaj ebligi postan lernadon, uzadon kaj personan spertiĝon flanke de la partoprenintoj, okazis loterio dum kiu legolibroj, kompaktdiskoj, vortaroj, t-ĉemizoj kaj lerniloj estis disdonitaj kiel premioj. Tamen necesos en proksima estonteco perfektiga kurso por helpi la komencintojn plifirmigi sian konon pri la Esperanto-kulturo kaj plibonigi sian lingvoscion. La plenumado de la jamaj agadoj eblis pro subteno de UEA kadre de la laboro de la Afrika Komisiono. La agadoj ricevis ankaŭ monan kaj materialan subtenojn de Esperanto Internacia, Esperanto-France kaj de lokaj fortoj. Tiuj ĉi donis senpagajn tranoktadon kaj manĝadon al la gastino dum ŝia restado en Togolando.

*Adjévi Adjé*

- **Madagaskaro: relanĉo de la movado**



Dank’ al subteno de la projekto “Esperanto Plus”, iniciita de Jean-Pierre Marcq el Francio, denove aktivas e-isto Fidilalao Henriel ekde januaro ĉi-jare. Lia ĉefa celo estas revigligi la E-movadon en Malagasio kadre de la difinita jara laborprogramo de la nacia asocio (UME), kiun ja paralizas kvarjara politika krizo. Li malfermis siahejme lingvokurson ĉiumerkrede por infanoj kaj ĉiusabate por gejunuloj. Li kontaktis ĉiujn klubojn kaj instigis ilin repreni la aktivadon, fabrikis lernmaterialojn kaj sendis ilin al novaj kluboj. Li ankaŭ eldonas ĉiun trian monaton la gazeton *La Voĉo de UME*. La tasko ne estas facila, ĉar persistas la politika krizo kaj gejunuloj apenaŭ havas monon por pagi buskoston. Malgraŭ tio, la gejunuloj ekkorespondas kun bonvolema alilanda esperantistino. Alia ambicio de Henriel estas ligi Esperanton kun iu humanitara projekto por etendi la kunlaboradon al neesperantistoj, sed ĝis nun liaj klopodoj tiukampe ne sukcesis. Cetere, esperantistoj el aliaj regionoj petas de Henriel materialojn kiel kantojn en Esperanto, facilajn legolibrojn kaj videofilmon en la verda lingvo por helpi ilin memlerni Esperanton. Do, Henriel anticipe dankas tiujn bonvolemulojn, kiuj pretas apogi lian klopodadon revigligi Esperanton en Malagasio. Kontaktu henrielredtv@gmail.com.

- **Ruando: novaj paŝoj**

La ruanda Esperanto-movado, kvankam en embria stadio, tamen vigle faras kelkajn paŝojn antaŭen. En la ĉefurbo staras klubo samkiel en kelkaj provincoj. En Kigali, oni kalkulas tridekon da esperantistoj, iuj relative progresintaj kaj aliaj freŝe bakitaj. Renkontiĝo nun okazas trifoje ĉiudusemajne, sed ene de la semajnoj ni havas apartajn renkontiĝojn kun dudek anoj de ADES (asocio pri sanktaj skribaĵoj) kiuj lernas Esperanton ĉiusabate je la 20-a horo. La sama asocio aŭspicias kaj gastigas nian Esperanto-klubon en sia kunvenejo en Kanombe, ne for de la flughaveno. Ĉi-jare la nombro de varbitoj kreskis je 1,2 procentoj kompare al la pasinta jaro. La kurso laŭ kiu ni instruas estas tiu de Hubert Ferrez, sed dank' al Dio ni ĉi-jare akiris ankaŭ kelkajn librojn senditajn de Renato Corsetti en Italio kaj de Afrika Centro Esperantista (ACE) en Lomeo. Aliajn librojn donacis sinjoro Pedro Fernández el Hispanio dum sia restado en la ruanda ĉefurbo.

En la jaro 2012, du gravaj esperantistoj vizitis la ruandan Esperanto-klubon. Temas pri sinjoro Daniel Durand el Francio, de la mondcivitanisma asocio RECIM, akompanata de sia edzino Odile Durand, kaj sinjoro Pedro Fernández el Hispanio. Dum la unuaj vizitis la klubon en aprilo, la lasta vizitis la klubon en novembro kaj decembro, tie gvidante kurson por komencantoj kaj prelegante pri la Esperanto-movado en Hispanio. Li estas bona pedagogo, kaj la vizito al la klubo firmigis la esperantistecon de niaj anoj. Poste okazis familieca fotado. La klubo bezonas tiajn vizitojn por motivigi esperantistojn. Ni dankas ĉiujn, kiuj nin vizitis ĉi-jare. En 2012 ni okazigis en Kigali kurson gvidatan de instruisto, en kiu partoprenis kelkaj amikoj el Cyangugu.

Ni planis akiri juran personecon por nia asocio ĉi-jare, sed bedaŭrinde ĉiuj demarŝoj fuŝis ĉar la ministerioj pri justico kaj enlandaj aferoj altigis la kostojn. Ni devas denove organizi nin por kolekti la necesan monsumon. Ni ankaŭ planas okazigi kurson en 2013 en kiu partoprenos invitotaj el najbaraj landoj kiel Kongolando, Burundo, Ugando kaj Tanzanio. Tio estus la unua internacia seminario en Ruando, kaj ni petas financan helpon por subteni nin. Ni poste sendos pliajn informojn rilate tiun ĉi aranĝon.

La klubo daŭre bezonas multajn lernolibrojn, gramatikajn verkojn, sonbendojn aŭ KD-ojn ktp. Tial ni petas ĉiujn bonfarulojn subteni la ruandan Esperanto-klubon per sendo de libroj, poŝvortaroj, KD-oj ktp. Ni ricevis modestan subvencion je dek eŭroj de ACE por 2011, kaj ni esperas ke ĉi-jare ACE kaj aliaj pozitive reagos al nia peto.

Fine, s-ro Valere kaj sinjorino Ingabire, kiuj agis kiel sekretarioj de la klubo, ne plu loĝas en Kigali: la unua iris al Buĵumburo por studi, kaj la dua iris al Gisenyi pro la sama kialo. Provizore la prezidanto de la klubo sekretarias ĝis la elekto de la nova sekretario en aprilo.

*David Mwambale*

- **Burundo: jarfina raporto 2012**

La burunda landa asocio ANEB tre ĝojas pri ricevo de tiu ĉi okazo por priraporti kaj resumi la lastatempan agadon de la asocio al ĉiuj esperantistoj kaj organizaĵoj, kiuj sindonas por la evoluo de Esperanto en Burundo kaj por la atingo de la celo de Esperanto. Via propra agado estas tre fruktodona por la nialanda movado. ANEB funkcias sufiĉe bone. En la jaro 2012 la asocio havis multajn laborojn (konstruado de biblioteko, starigado de kluboj en aliaj lernejoj, okazigo de seminario en Rumonge, vizitoj al kluboj ktp), kaj unu el la sukcesoj estis partopreno de nia prezidanto en la UK kaj IJK en Vjetnamio. Per nia instrua sekcio ni sukcese organizis kursojn por komencantoj/progresantoj kaj renkontiĝojn en diversaj regionoj de Burundo. Instruistoj

de ANEB gvidis Esperanto-kursojn en regionaj lernejoj en Gasanda, Bubanza , Ngozi, Nyanza-Lac, Gitega, Makamba, Kayanza, Bujumbura, Buyengero, Nyamibu, Kibaŝak Kiremba, Bururi kaj Rutana. Normalaj kursoj okazis en multaj kluboj tra la lando, kaj en Bujumbura, Gasanda, Rumonge, Kibaŝa kaj Nyamibu la gelernantoj faris E-ekzamenon kaj ricevis atestilon/diplomon. ANEB disponigis materialojn al kelkaj instruistoj, sed pro nesufiĉo de financoj ni ne sukcesis kontentigi ĉiujn petojn. Tamen restis kontaktoj kun ĉiuj kluboj, kvankam nia plej granda atento turniĝis al la konstruado de la centro.

Instruado okazis en la universitato de Burundo (helpe de Zabulon Ntidendereza) kaj en granda laga universitato, kampuso Kiremba. En aŭgusto 2012 ANEB planis kaj okazigis seminarion en Rumonge, en kiu kvindek esperantistoj el diversaj provincoj partoprenis. Dum unu semajno, ĉio estis plenplena je kunlaboro kaj amikeco flanke de ĉiuj. Estis agrabla studperiodo kaj la instruado ege taŭgis. Ĉiuj partoprenantoj certe reiris hejmen kun energio por la daŭrigo de la Esperanto-instruado en kluboj. Ni tute dankas la “Fondaĵon Hans”, kiu subvenciis la tutan seminarion, kaj ni certas ke ĝi havos postsekvaĵon. Laŭ raportoj el Ngozi jam montriĝis ke la seminario estis sukcesa.

Por plifortigi la regionan movadon, ANEB sendis al Kenjo instruiston kies agado estis tre sukcesa. ANEB planas sendi alian, sed tiuokaze la kenja asocio devas akcepti kovri la kostojn, ĉar evidentiĝis ke la ANEB-kotizoj ne sufiĉas por financi tian vojaĝon.

Ni longe pripensis pri kiel finance sendependigi klubojn. Post longa diskuto en la estraraj kunsidoj ni decidis doni subvenciojn al kluboj kiel prunton. La kluboj devas fari etajn negocojn kaj el la profito 15% venos en la konton de ANEB. Okazis projektkonkurso, en kiu ĉiu klubo devas prezenti sian projekton al la estraro kaj la estraro decidas kiu klubo meritas subvencion. La projekto devas esti facile kontrolebla. Ni sukcesis ion fari en Bubanza, kie oni ricevis pruntodonan subvencion por financi projekton pri bredado de kaproj, kaj en Gasanda. Esperantistoj elpensis projektojn kaj ANEB financis ilin. Ĝis nun, ŝajnas ke nur en Bubanza kaj Gasanda la projektoj sukcesis. Laŭ miaj analizoj, en urboj ne eblas okazigi tiajn projektojn. Pri la cetera ĉi-jara agado de la renoviginda estraro, ĝi ne faris multon kaj la vicprezidanto malaperis, sekve de kio la sekretario kaj vicsekretario transprenis ties funkcion.

La prezidanto de Junularo Esperantista Burunda Organizo (JEBUO) estis invitita al Radio Salama okaze de la 125-jariĝo de Esperanto kaj tie parolis pri la celo de la lingvo kaj pri ties evoluo. La programo estis dissendita dum tri tagoj. Jen bona atingo, kvankam ni ne multe vizitis radioelsendejojn krome. La 3-a nacia kongreso ne okazis pro manko de rimedoj, sed ni nun provas trovi rimedojn por ke ĝi denove okazu. Per financa subteno de la fondaĵo “Esperanto en evoluo” ANEB konstruas bibliotekon en Rumonge kaj nun estas en fina etapo de tiu laboro. Estas problemo pro tio ke nia konstruisto neregule venas labori, sed li certigas al ni ke la biblioteko baldaŭ estos finita. Ni dankas ĉiujn donancantojn al nia valora projekto, precipe la paron Johan kaj Svetlana Derks, la iniciatoroj de la projekto. Por riĉigi nian bibliotekon, ni jam komencis peti librojn de esperantistoj kaj asocioj. Ni alvokas ankaŭ vin helpi nin ricevi librojn, kaj Esperantajn kaj ne-Esperantajn. Nia konstruaĵo en Rumonge konsistas el la ANEB-oficejo, ĉambro por vizitantoj, stokejo, ĉambro por libroj kaj legejo. Ni planas konstruigi ankaŭ du klasĉambrojn.

En la jaro 2013 ni planas varbi librojn por la nova biblioteko, sendi instruiston al Kenjo, plifortigi la instruadon en lernejoj, starigi klubojn en Rutana, subteni tieajn esperantistojn, partopreni en internaciaj kunlaboroj, kaj organizi kongreson se la rimedoj tion permesos.

*Jérémie Sabiyumva (prezidanto de ANEB)*

# EL NIA LETERKESTO

- **Kongolando: kunlaboro inter du virinaj grupoj**

Okazis en Kinŝaso la 24-an de marto 2013 Esperanta kunveno. Du virinaj grupoj, nome Konga Esperanta Virina Asocio (KEVA) kaj Esperantista Grupo de Sankta Rita (EGSR), kunsidis por interkonsenti pri strategio por evoluigi la Esperanto-movadon nia lando. La du grupoj interkonsentis pri daŭrigo de Esperanto-kurso kaj pri okazigo de kulturaj eventoj por Esperanto. Tio helpos konsciigi homojn pri la avantaĝoj de Esperanto. KEVA kaj EGSR fiere ĝojas kunlabori inter si.

*Nelly Masemi (prezidentino de KEVA)*

- **Kongolando: nova klubo ĉe la marbordo**

Ĉe la marborda urbo Muanda salutas vin sinjoro Ntoto, kiu samtempe anoncas al vi pri ekzisto de loka klubo. Fakte, ekde la 13-a de marto 2013, post kunveno de tri homoj, nome Pastro Prosper Ngulu, Jacques Yende kaj mi, estis kreita la Esperanto-Klubo Muanda (EKM). Por tiuj kiuj ne konas la urbon Muanda, ĝi estas la sola marborda urbo en mia lando, situas preskaŭ 600 kilometrojn sudokcidente de Kinŝaso, kaj estas "tre turisma urbo". Baldaŭ, dum la ferioj, ni gvidos kurson por proksimume dek komencantoj.

Al miaj samlandaj kaj alilandaj samideanoj, mi petas kuraĝigi tiun novan klubon kaj laŭeble apogi ĝin per lernmaterialoj. La klubo baldaŭ formale aliĝos al DKEA kaj provizore estas gvidata de la tri fondintoj kun Pastro Ngulu kiel prezidanto. S-ro Arlain Kizeyidioko, la ĝenerala sekretario de la landa asocio DKEA, estas invitita partopreni en nia venonta kunveno. Jen kontaktadreso de la klubo: Abbé Prosper Ngulu, Paroisse Sainte Trinité de Muanda, S/C Diocèse de Boma, B.P. 72 Boma / Bas-Congo, République Démocratique du Congo.

*Aimé-Florent Ntoto Zola*

- **Benino: grimpejo preta**



Mi deziras informi ke la grimpejo por la lernejo Jules Verstraeten en la vilaĝo Koĝi estas nun preta. Helpe de esperantistoj, tiu lernejo denove povis sin permesi konstruigi tiun ilon necesan por ke la tieaj geknaboj sukcesu ĉe enirekzameno al la duagrada licea nivelo. La sekva etapo estos konstruigi terenon por futbalo kaj instaligi sunenergian aparaton. Tio permesos al la geknaboj de la lernejo eble iam uzi porteblan komputilon aŭ sperti pedagogian filmon en la lernejo.

*Pierre Houenavo*

************************************************************

Komentojn, konsilojn, sugestojn kaj raportojn pri okazintaĵoj en via urbo aŭ lando bv. sendi al la redakteja adreso: afrika.oficejo@gmail.com, aŭ aerpoŝte al:

**Afrika Oficejo, B.P. 416, Lokossa-Mono, Benino**
**tel./fakso: +229 224 10 229**

************************************************************